# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

36a jaro Marto-aprilo 1984 N-ro 2

LKK-prezidanto de la 36a IFEF-kongreso, s-ro Marin Marinov en karakteriza pozo.

## REDAKTORA BABILO

Alproksimiĝas la 36a IFEF-kongreso, kaj por esti iome preparita valoras legi ĉi tiun numeron de IF.

Provizora programo, tagordoj, jarraportoj pri la pasinta administra periodo legeblas tie.

Iom seka legaĵo jen kaj jen? Eble por kelkaj, sed provu tamen traliterumi kaj sentu, ke serioza laboro kaj honesta strebo estas malantaŭ la raportoj kaj la planoj.

Kaj se vi per tio konvinkiĝas, ke via agado estas nesufiĉa, vi ne povas doni al la jubileanta IFEF pli belan donacon kaj ŝultrofrapeton ol ke vi plie aktivu. Unu aktiveco, kiu tre ĝojigus la redaktoron estus amasa alsendo de mallongaj informoj, noticoj, raportoj pri la multfaceta afero, kia estas la fervojo kaj la fervojista vivo. Agu!

Anticipe dankas la

red.

## VIZITO ĈE POLAJ KOLEGOJ

La 28an ĝis 30a de Oktobro la pola landa asocio de IFEF okazigis sian landan renkonton en Opole. Partoprenis ĝin proksimume 40 gekolegoj kaj flanke de IFEF ties prezidanto Giessner kaj sekretario Rösemann.

Okaze de tiu renkonto la regiona radio-stacio de Opole disradiis longan, detalan intervjuon kun gvidantoj de la fervojista grupo Opole.

La unua kaj tre simpatia impreso estis, ke la organizo de niaj polaj kolegoj progresas. La plej okulfrapa tia progreso estas loka grupo en Tarnowskie Góry, kies membroj estas aparte viglaj kaj laboremaj. La plej grava evento en tiu landa renkonto estis elekto de nova estraro, kiu nun konsistas el kolegoj el Tarnowskie Góry kaj Opole. Tiu nova estraro certe garantios fruktodonan kunlaboron kun IFEF dum la venontaj jaroj. La bazon por tia kunlaboro donis prepara konferenco en Lodz inter la prezidantoj de Pola Esperanto-Asocio kaj IFEF kun kelkaj ĝisnunaj estraranoj polaj. El tiu konferenco evidentiĝis, ke PEA laŭforte intencas subteni la agadon de la fervojistoj.

Karakteriza por la sintenado de oficialaj fervojaj instancoj estis, ke en Opole okazis oficiala akcepto en la regiona direkcio en ties konferencejo, sur kies muro estas daŭre fiksita la slogano de IFEF "Reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn". Kaj en tiu salono regule okazas Esperanto-instruado. Dum alia akcepto flanke de fervojaj aŭtoritatuloj en Tarnowskie Góry videblis sur la muro granda emblemo de IFEF, ĉirkaŭata de la polaj koloroj blanka-ruĝa.

Altan nivelon havis kulturaj prezentaĵoj okaze de la dua fervojista renkonto, ekzemple kortuŝa melodramo pri la vivo de virino de la naskiĝo ĝis la morto kaj kantado de belvoĉa koloratur-sopranistino, kiu en senriproĉa Esperanto kantis tekste kaj muzike plej malfacilajn kantojn. Entute esperon dona aranĝo de nia pola landa asocio.

Gi

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO
Sekretariejo: Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst
Redaktoro: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
Dana bankkonto: 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 dkr por bankelspezoj)
Svisa bankkonto: 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
Svisa poŝtĉekkonto: CH 85-4110 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev

36a IFEF-KONGRESO SLANĈEV BRJAG 12.-18.5 1984

Provizora programo

| | 8.00 | 9.00 | 12.00 | 14.00 | 15.00 | 16.00 | 17.00 | 18.00 | 20.00 | 23.00 | 24.00 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Vendredo 11.5. | | | | | | | | | | | |
| Sabato 12.5. | Akceptejo - giĉetoj | | | | Estraro-LKK | | Akceptejo - giĉetoj | | Interkona vespero 15 30 | | |
| Dimanĉo 13.5. | | Inaŭguro 11.00 fotogr uni-formoj | Manĝo 15 30 | Fakprel.Kom Redakt.kunv | | | | | Koncerto 15 30 | | |
| Lundo 14.5. | | estraro/komitato (nepublika) | Manĝo 15 30 | | Ekskurso al Burgas, tie manĝado 30 | | | | Teatra vespero | | |
| Mardo 15.5 | | Terminara Kom. I | Manĝo 15 30 | Fakprelego 30 | | "Aktualaĵoj" | | | 30 Balo | | |
| Merkredo 16.5. | | Ia plenkunsido | Manĝo 15 30 | Ekskurso Nesebar | | | | | Folklora vespero 30 | | |
| Ĵaŭdo 17.5. | | IIa plenkunsido | Manĝo 15 30 | Estrarkunv. Terminara Kom.II | Filmoj pri la 35a kaj 37a kongr. | | | Akcepto 19.00 | | | |
| Vendredo 18.5. | | 2 paralelaj tuttagaj ekskursoj | | | | | | | Fermo, arta programo 21.00 | | |
| Sabato 19.5. | Istanbul → 30 | | | | | | | | | | |

Stato: 9.II 84

# INTERVJUO

kun la prezidanto de LKK de la 36a IFEF-kongreso
fare de la redakcio de "Bulgara Esperantisto" - Sofio

Unua demando: Kiu, viaopinie, estas la plej grava argumento por okazigo duan fojon en Bulgario internacian kongreson de IFEF?
Respondo: Kiel sciate, en 1968 de 11a ĝis 17a de majo en Varna - Zlatni Pjasaci okazis la 20a Jubilea Kongreso de IFEF. La bone organizita kongreso en la plej bela parto de nia lando kontentigis ege ĉiujn kongresanojn kaj multaj restis por ĉiam veraj amikoj de nia lando kaj de siaj kolegoj - la bulgaraj fervojistoj-esperantistoj.

Ne hazarde la nuna 36a kongreso de IFEF denove okazos en nia lando.

Dum tiu ĉi jaro (1984) IFEF festos 75 jarojn de sia fondiĝo kaj ĝia estraro firme kredas, ke nome en Bulgario tiu evento estos festata plej majeste, plej amase!
Dua demando: Kiom da kongresanoj estas atendataj kaj el kiom da landoj?
Respondo: Dum tiu ĉi jaro la 69a Universala Kongreso okazos ekster Eŭropo - en fora Kanado, pro kio la 36a kongreso de IFEF fakte estos la plej grava Esperanto-evento en Eŭropo. La intereso al nia kongreso ĉiutage plialtiĝas ne nur flanke de la fervojistoj, sed ĝenerale de la esperantistoj el ĉiuj landoj en Eŭropo. Miaopinie ĝi transformiĝos al speco de UK, t.e. ke ĝi anstataŭos la mankantan por la jaro tradician Esperantan atmosferon. En ĉiu okazo la nombro de la partoprenantoj superos - MIL! Por unua fojo en kongreso de IFEF partoprenos kelkajn centojn da fervojistoj-esperantistoj el la socialismaj landoj en ties kvanto de Sovetunio. Oni atendas kongresanojn el pli ol 20 landoj.
Tria demando: Kiaj estas la plej gravaj fakaj kunvenoj, kiuj estos okazigataj kaj kiuj problemoj estos traktataj?
Respondo: Kompreneble, laŭtradicie la kongresa lando rajtas prepari la ĉefan fakprelegon t.e. la fakprelego de la kongreso. Niaflanke ĝi estas jam preta kaj ĝia temo kaj titolo estas: "Stato kaj Perspektivoj de Disvolviĝo de la Fervoja Transporto en P.R.B." skribita de inĝ. Rad Sinigerov, ĉefredaktoro de revuo "Fervojista Transporto" la presorgano de BDĴ, kaj ni firme kredas, ke niaj eksterlandaj kolegoj ekscios veran imagon pri la atingaĵoj de nia fervojtransporto kaj precipe dum la lastaj kelkaj dekoj da jaroj!
Kvara demando: Kiaj estas la kontribuaĵoj de la kongresoj de IFEF por la evoluo de la INTERNACIA FERVOJTRAFIKO kaj la aplikado de Esperanto en ĝi? Kion vi atendas de la ĉi-jara IFEF-kongreso?
Respondo: Multflankaj estas la kontribuaĵoj de la kongresoj de IFEF por la evoluo de la INTERNACIA FERVOJTRAFIKO. Pere de fakprelegoj, filmoj, diapozitivoj, apartaj fakaj konversacioj, diskutoj kaj interŝanĝoj de spertoj, dank' al la simpla fakto, ke dum la kongresoj oni parolas kaj bone komprenas sin en nur unu lingvo - Esperanto, ĉiufoje kaj ĉiuflanke pliboniĝas la specifa fervoja informado. Krome, la gekolegoj havas la eblon surloke konatiĝi kun la kongresa lando, propraokule konvinkiĝi kiaj estas la atingaĵoj k.a. Speciale pri la ĉijara kongreso ni faros ĉion por renkonti kiel eble plej sincere niajn kolegojn, kiuj revenonte en siajn landojn, restu por ĉiam niaj amikoj!

Mi esperas, ke tiu ĉi kongreso restos neforgesebla pro sia multnombreco, graveco pro la majesta festado de 75a jariĝo de la fondiĝo de IFEF. Ege grava estas ankaŭ la koincido, ke samtempe la komplekso "Slânĉév Brjag festos 25an jariĝon de sia fondiĝo. No-

me pro tio LKK decidis, ke la kongreso estu filmota, por ke restu en la historio de IFEF.

Kvina demando: Kiajn amuzaranĝojn kaj ekskursojn antaŭvidas la kongresa programo?

Respondo: Krom la fakaj prelegoj, ekspozicio pri la atingaĵoj de nia fervoja transporto, filmoj, diapozitivoj k.a., ni strebos distri niajn kolegojn per artaj muzikprogramoj. En la kongresprogramo estas antaŭviditaj: koncerto kun partopreno de elstaraj artistoj-esperantistoj, ĥoro, folkloraj ensembloj, teatra Esperanta vespero, plaĝo kaj dancoj, dancoj ....

Sesa demando: Kion LKK povus proponi al la eksterlandaj gastoj por konatigi ilin kun nia lando kaj kun niaj socialaj kondiĉoj?

Respondo: Krom la antaŭviditaj ekskursoj al Varna - Zlatna Pjasaci, al niaj historiaj lokoj kaj urboj - Ŝumen, Preslav, Pliska, Madara, dank' al la donita al ĉiuj kongresanoj karto por senpaga veturado en la tuta lando, valida de 7a ĝis 23a de majo, la kongresanoj povos daŭrigi sian restadon kaj de proksime konatiĝi kun ĝia beleco. Nigra maro, Roza-valo, Rodopi-montaro (la belega konstruaĵo de la Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica), Rila-monaĥejo, Vitoŝa-montaro apud Sofio k.a. estas allogaj lokoj, kiujn ili povos vidi de proksime!

La demandojn stariĝis la ĉefredaktoro de "B.E." - Donĉo Hitrov.
Respondis la prezidanto de LKK - Marin Marinov.

---

## TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 36A IFEF-KONGRESO

Kunsido Estraro/Komitata (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto estrarelekto
3. Diskuto kongresproponoj
4. Diskuto budĝeto 1985
5. Diskuto pri venontaj kongresoj
6. Situacio en kelkaj landoj
7. Eksteraj rilatoj
8. Eventualaĵoj

- - - - -

Plenkunsido en du partoj

(publika, multnombra ĉeesto dezirata)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Informo pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
4. Raportoj estraraj
   - 4.1 de sekretario
   - 4.2 de redaktoro
   - 4.3 de kasisto
5. Protokolo Oostende
6. Konfirmo de la invito de la 37a kongreso
7. Raporto de la ĉefkomitatano
8. Estrarelekto
9. Raportoj de la komisionoj kaj komisiitoj
   - 9.1 Terminara Komisiono
   - 9.2 Fakprelega Komisiono

(Tagordoj por kunsidoj de la 36a IFEF-kongreso, daŭrigo)

9.3 Historio-Komisiono
9.4 Koresponda Servo
9.5 Komitatano A de UEA
10. Resumo pri raportoj landaj asocioj
11. Kongresproponoj
12. Laborplano
12.1 Enketo laborkondiĉoj de fervojistoj
12.2 Diskuto pri estonta Literatura Konkurso
12.3 Centjara Jubileo 1987
13. Resumo pri la situacio en diversaj landoj
14. Budĝeto 1985 kaj kotizkonfirmo
15. Elekto de revizoroj
16. Delegoj laŭ statuto §§ 3 kaj 7 al c)
17. Rilatoj al aliaj organizoj
17.1 UEA
17.2 FISAIC
17.3 AEC
17.4 Aliaj
18. Venontaj kongresoj
18.1 Elekto de lando por 1986
18.2 Diskuto de pluraj eblecoj
19. Internacia Skisemajno 1985
20. Libera diskutado

- - - - -

Kunsido de la Fakprelega Komisiono

1. Kiel plibonigi la kunvenon "Aktualaĵoj el via lando"?
2. Raporto pri la pasinta laborperiodo
3. Prelegontoj kaj prelegotempo por la 37a kaj 38a IFEF-kongresoj
4. La Regularo de nia komisiono kaj la laboro estontece
5. Libera diskutado

Gunnar Thuesen, gvidanto

- - - - -

Kunsido de la Terminara Komisiono

1. Konstato de farita traduklaboro
2. Traktado de dubaj terminoj, respektive sinonimoj
3. Starigo de E-indekso
4. Preparoj por prespretigo, kaj
5. Priparoloj por adaptiĝi al LG IV

Ludoviko Sekeres, gvidanto

Kompilis ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

## KONGRESPROPONO

Komitatano Lucien de Sutter (Belgio) en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:

Reelekti la ĝisnunajn estraranojn: J. Giessner (prezidanto), P. Engen (vicprezidanto), O. Rösemann (sekretario), H. Hauge (kasisto) kaj E.H. Olsen (redaktoro).

Komentario

De la nunaj estraranoj ne venis demisioj.
Aliflanke alvenis neniu nova kandidateco.
Se la komitato unuanime reelektus ilin, ĝi dankus ilin por la ĝisnunaj fruktedonaj servoj kaj instigus ilin daŭrigi en la sama vojo.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI 1983

Antaŭrimarkigo

Por plifaciligi al nia estimata legantaro komprenon kaj komparon de tiu ĉi raporteto, ni proksimume sekvas la pasintjarajn skemojn kaj donas laŭeble indikojn al respektivaj paĝoj en "Internacia Fervojisto". Krome rekomindas relegi la resumon pri la landaj jarraportoj en IF 5/83.

Niaj mortintoj

Ni eksciis pri jenaj personoj, kiuj por ĉiam forlasis nin:

| | |
|---|---|
| Britio: | Horace Barks, distingita de arĝenta medalo de FISAIC |
| FR Germanio: | Geedzoj, Bardenhorst, A. Bolle, F.W. Lüders |
| Italio: | Kav. A. Gamberini |
| Luksemburgo: | J. Kohl (edzo de Barbara Kohl) |
| Nederlando: | G. Beverlo, J. Brus, F. de Jong (frato de la eksprezidanto), H.H.W. Kranenberg, L. Verhoeven |
| Norvegio: | A.K. Strømnæss |

Ili trovu eternan pacon!

La 35a kongreso postmorte nomumis Andrè Blondeaux (F) - mortinta en Decembro 1982 - Honora Membro de IFEF pro liaj grandegaj meritoj por la terminara laboro.

Kun ĝojo ni povis gratuli al nia Honora Membro Hans Bürger (A) pro lia 85a naskiĝtago.

1. Membrostato: Pri ĝia evoluo bonvolu informi vin el la plej lasta raporto de la kasisto (IF 2/84).

2. Interna laboro

2.1 Estrarkunvenoj. Dufoje kunvenis la estraro (krom en la kongreso), nome en Lindhorst (D) en Marto kaj en Lüneburg (D) en Oktobro. Ambaŭ partoprenis la kompleta estraro kaj la ĉefkomitatano kiel gasto. La ĉiam sufiĉe ampleksa tagordo estis traktita en amikeca atmosfero kaj la problemoj de la federacio konstrue prilaboritaj. En Oostende la estraro havis du kunvenojn, el kiuj unu kun LKK Bulgario.

2.2 La ĉefkomitatano, kiu forte estis okupita kiel LKK-prezidanto de la 35a kongreso Oostende, forsendis unu cirkuleron kun la kutima demandilo, surbaze de kiu la landaj asocioj starigas siajn jarraportojn por la ĉiujara resumo verkata de la vicprezidanto.

2.3 Vizitoj. Ankaŭ en 1983 la estraranoj plurfoje ĉeestis en naciaj kaj internaciaj aranĝoj, por ankaŭ persone konatiĝi kun la problemoj de la landaj asocioj. Ekzemple vizitis la prezidanto la IFEF-skisemajnon en Bayerisch Eisenstein (D), dufoje polajn landajn renkontojn en Swidnica kaj Opole, konferencon de la Internacia Kunordiga Komitato (por la jubileo 1987 en La Chaux-de-Fonds (CH), LKK Bulgario, UK Budapest,

la ĉeĥan jarkonferencon en Chotěboř (CS) kaj la germanan jarkunvenon en Lüneburg (D); la vicprezidanto ĉeestis en Lüneburg; la sekretario en Lüneburg kaj la polan renkonton en Opole; kasisto kaj redaktoro ambaŭ en la dana jarkunveno (Kopenhago) kaj en Lüneburg, la kasisto krome en la ĝenerala asembleo de FISAIC en Helsinki kaj la Internacia Kongreso de FIRAC en Borkum (D).

2.4 Evoluo en kelkaj landoj. Dum siaj vizitoj en Ĉeĥoslovakio kaj Pollando la prezidanto klopodis plifortigi la ligojn inter IFEF kaj tiuj landoj kaj ankaŭ helpi en ilia interna evoluado. Okulfrape estis la rezultoj en Pollando, kie konstituiĝis nova estraro, kiu transprenis la respondecon por okazigi IFEF-kongreson en PL en la jaro 1987.

Ankaŭ en Ĉinio ni aŭdas voĉojn, kiu esperigas nin, ke ankaŭ tie en fora Azio IFEF povos membrigi kolegojn.

3. Laborplano

3.1 Enketo pri laborkondiĉoj: Nur kun prokrasto ni povis finkompili la tabelon pri tiu internacia enketo, ĉar respondoj el kelkaj landoj nur post ripetitaj petoj alvenis. Entute ni povas konstati kun ĝojo, ke krom unu (pro apartaj kaŭzoj) ĉiuj landaj asocioj de IFEF partoprenis, tiel ke la rezulto donas bonajn eblecojn por komparoj. La tabelo estos aperigata en IF en 1984.

3.2 IFEF-Historio: En 1983 la manuskripto estas finkompletigita kaj troviĝas ĉe la presisto. Helpe de la en Oostende akceptita tria kongrespropono kaj du tomboloj en Oostende kaj Lüneburg (germana jarkunveno) la financigo estas certigita. Tio ebligos liveri al ĉiu IFEF-membro senkostan ekzempleron en 1984 (IF 5/83, p. 73).

3.3 Koresponda Servo: Ĝi estas grava ero de nia federacia agado kaj helpas precipe al la komencantoj en ĉiuj landoj utiligi la lingvon kaj progresigi. Dezirinde estus, ke tiu konvena servo pli ofte estu uzata (IF 3, p.34 kaj IF 5, p.50).

3.4 Jubilea Jaro: En 1987 la lingvo Esperanto atingos aĝon de 100 jaroj. Por prepari ĝin, fondiĝis "Internacia Kunordiga Komitato", kiu kunvenis en 1983 en La Chaux-de-Fonds (CH) kaj Budapest. IFEF estis reprezentita de sia prezidanto. Ni planas kiel eble plej aktive partopreni en la agado de tiu komitato.

3.5 Literatura Konkurso estas denove planata en 1985 post la granda sukceso en la 33a IFEF-kongreso en Regensburg. Vidu la kondiĉojn en If 1/84.

3.6 Junularo: Sur tiu kampo bedaŭrinde ankoraŭ ne estas konstatebla progreso, kvankam almenaŭ en kelkaj socialismaj landoj iom post iom aperas pli da junaj vizaĝoj en aranĝoj fervojistaj. Sed en la okcidentaj landoj la situacio momente ne estas esperplena. Sekve oni ne povas antaŭvidi "revekon" de la ripozigita Junulara Sekcio de IFEF.

3.7 Terminara Laboro: La Terminara Komisiono en sia "TK-Kuriero" 43 mem prijuĝas sian situacion tiel, ke "alproksimiĝas la fino de nia laboro". Tio evidente koncernas la nunan ĉeflaboron, nome la starigon de la fervoja terminaro, kiu tamen bezonos ankoraŭ iom da tempo, ĝis kiam ĝi povos esti prezentata al la publiko. Sed - ĉu la terminaraj problemoj vere iam ĉesos? Entute la laboro de TK funkcias treege fruktodone, ĉefe helpe de la menciita TK-Kuriero.

3.8 Fakprelega Komisiono: Apud la kutima preparado kaj reviziado de la fakprelegoj ĝi bonrezulte daŭrigas la vojon komencitan en Balatonfüred. Sub la slogano "Aktualaĵoj el via lando" en Oostende prelegetis kolegoj el 7 landoj.

Tio estas bonvena pliriĉigo de la faka flanko de niaj kongresoj (vidu IF 4, p 56).

4. Aranĝoj

4.1 La 24a IFEF-skisemajno okazis en Bayerisch Eisenstein en la Bavara Arbaro (D) de la 22a ĝis 29a de Januaro kun 83 partoprenintoj el 8 landoj.

4.2 35a IFEF-kongreso en Oostende (B) de 4a ĝis 11a de Junio 1983 kun 435 kongresanoj el 19 landoj. La eldiraĵo de LKK-prezidanto Lucien de Sutter en la inaŭguro: "Tamen la kongreso okazas" esprimis la sennombrajn problemojn kaj malfacilaĵojn, kiujn la nur kvarkapa LKK devis majstri. Kiel kelkaj elstaraj faktoj jen estu menciataj:

- La inaŭguro, en kiu la ĝenerala Direktoro de la Belgaj Ŝtataj Fervojoj persone salutis. La Ĝenerala Prezidanto de FISAIC, Gilbert Schmit (L), alparolis esperantlingve kaj ĉeestis du tagojn en la kongreso. Same parolis en Esperanto la urbestro de Oostende.
- Akcepto en la urbdomo flanke de la urbestro kaj liaj ĉefkunlaborantoj.
- Speciale faka karaktero de tiu kongreso.
- Reelekto de la ĉefkomitatano L. de Sutter (B), de la gvidantoj de TK L. Sekereŝ (YU) kaj de FK G. Thuesen (DK), de la sekretario por ambaŭ G. Ritterspach (D) kaj de la redaktoro de TK D. Hartig (D).
- Elstaraj kulturaj aranĝoj kaj belegaj ekskursoj

Kiel kongresloko por 1984 estas antaŭvidita Slanĉev Brjag apud Burgas (BG).

5. Eksteraj rilatoj

5.1 UEA. La kunlaboro kun UEA bone funkcias. Kiel asocio aliĝinta al UEA ni havas rajtojn, sed ankaŭ devojn rilate al la ĝenerala Esperanto-movado. En la jarlibro oni trovas indikojn pri IFEF. Ni disponigas UEA-komitatanon A en la persono de dipl.-inĝ. I. Gulyaś (H). IFEF kunlaboras en la Internacia Kunordiga Komitato, kiu preparas la jubileon de Esperanto en 1987. Kiel jam ofte en Universalaj Kongresoj ankaŭ en la 68a en Budapest la fervojistoj konsiderinde kontribuis al la sukceso laborante kiel LKK-anoj resp. helpantoj. La hungaraj kolegoj krome organizis elstaran fervojistan kontaktkunvenon kaj fakajn prelegojn. UEA subvenciis la Historio-broŝuron per 500 Guldenoj.

5.2 FISAIC. La rilatoj al FISAIC, kiuj ĉefe plenumiĝas en la landaj asocioj, entute povas esti nomataj fruktodonaj. Post la akcepto de Hungario en 1981 kiel landa sekcio de FISAIC nun venis denove bona rezulto de multjaraj klopodoj flanke de la IFEF-estraro kaj de la bulgaraj kolegoj: en aŭtuno 1983 la ĝenerala asembleo de FISAIC akceptis nian bulgaran IFEF-asocion kiel landan sekcion de FISAIC.

Menciindas, ke la nova ĝenerala prezidanto de FISAIC en ties ĝenerala asembleo pozitive raportis pri siaj impresoj en la 35a IFEF-kongreso.

Fino

Tiu ĉi raporto povis mencii nur la ĉefajn punktojn de la federacia agado. Ĝin valore kompletigas la ĉiujara resumo de la vicprezidanto, regule publikigita en IF. Ambaŭ kune donas vere ampleksan impreson pri la multfaceta agado de IFEF. Ili ne estas supraĵe legeblaj kiel romano, sed certe same interesaj kaj instruaj por homoj, kiuj ne estas indiferentaj por la sorto de "sia" IFEF. En tiu senco ni finas ĉi tiun raporton kaj eniras la 75an jaron de IFEF.

Lindhorst, en Februaro 1984
Rösemann

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1983

| Enspezoj: | dkr | Elspezoj: | dkr |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 35895,97 | Internacia Fervojisto | 29751,07 |
| Historio Fonduso | 8840,27 | Estraro | 3721,70 |
| Rentoj | 818,43 | Administrado | 3730,25 |
| | 45554,67 | Reprezentado | 825,80 |
| | | Kotizoj | 612,25 |
| | | Deskribo inventaro | 1034,69 |
| Plielspezoj | 5561,36 | Historio Fonduso | 11440,27 |
| | 51116,03 | | 51116,03 |

Bilanco je la 31.12.1983.

| Aktivoj: | | Pasivoj: | | |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 4634,26 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11162,27 |
| Poŝtĝiro | 1548,87 | Junulara Fonduso | | 2245,70 |
| Bankkontoj | 35750,79 | Historio Fonduso | | 23517,77 |
| Inventaro | 3104,11 | Havaĵo 1.1. 83 | 13673,65 | |
| | | Malpliigo | 5561,36 | |
| | | Havaĵo 31.12.83 | | 8112,29 |
| | 45038,03 | | | 45038,03 |

La kasisto: H Hauge

La revizoroj: Svend Hvass, Charles V Jensen, Anders Klausen

---

MEMBROSTATO

| | 1983 | 1982 | | 1983 | 1982 | | 1983 | 1982 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 178 | 201 | Francio | 230 | 230 | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Belgio | 50 | 70 | Germanio | 802 | 811 | Nederlando | 50 | 53 |
| Britio | 30 | 30 | Hispanio | 182 | 181 | Norvegio | 75 | 75 |
| Bulgario | 70 | 60 | Hungario | 201 | 201 | Pollando | 40 | 45 |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | 60 | Italio | 133 | 133 | Svedio | 105 | 130 |
| Danio | 65 | 65 | Japanio | 16 | 21 | Svisio | 74 | 74 |
| Finnlando | 19 | 19 | | | | Individuaj | 7 | 3 |

Entute: 1983: 2447, 1982: 2492

---

## REDAKTORA RAPORTO

En 1983 aperis la kutimaj 6 numeroj de "Internacia Fervojisto" kun entute 96 paĝoj (1982: 88 paĝoj, 1981: 80 paĝoj). La nomo de nia periodaĵo restas senŝanĝa post la klopodoj de la estraro - precipe de la redaktoro - sturmataki ĝin en Ostendo.

Sed aliaj ŝanĝoj okazis: Ek de n-ro 3 ni uzas pli glatan paperon kaj ek de n-ro 5 malpli grandajn literojn, tiel ke la 35a jareldono (1983) enhavis pli da legmaterialo eĉ ol ekzemple la jaro 1980 per siaj 100 paĝoj.

Al kelkaj fidelaj kontribuantoj mi sincere dankas, ĉar ju pli da seriozaj kaj produktemaj kunlaborantoj ni havas, des pli varia kaj leginda povos fariĝi nia IF. Mi ŝatus montri al la redaktora kunveno en Ostendo, en kiu mi petis pri daŭraj kontribuaĵoj de la landaj asocioj, ekz pere de raportisto, kiu atante legas la sialandajn fervojfakajn periodaĵojn, subaŭskultas ĉie ajn, demandas al ŝlosilaj personoj pri evoluo de tiu kaj tiu projekto, kaj tuj raportos al IF. Ti-

el ni havas unikan ŝancon disheroldi fakajn novaĵojn pli rapide ol povas fari la plej multaj aliaj fakaj periodaĵoj.

Kiel dirite en la pasintjara raporto, ni daŭre provas emfazi la fervojfakan karakteron de IF, kvankam ni de tempo al tempo stumblas sur ia leĝereco.

Se ni rigardas la ekonomian flankon, ni laŭ la kasista raporto povas kompreni, ke la plibonigoj de 1983 ne kaŭzis ekstran ŝarĝon de la ekonomio, eĉ male.

Okaze de la 35a kongreso ni eldonis la kajeron "Kelkaj pensoj pri la stato de la fervojoj kaj de Esperanto kiel fervoja faklingvo", kiu enhavas la fakan prelegon de vicprezidanto Per Engen. Ĉu tiu kajero estas prototipo de serio de fakaj kajeroj, ankoraŭ estas necerta, sed ĝis certa amplekso IF povas servi en tiu sfero.

Surbaze de demando nun eblas en landoj kun landa asocio de IFEF akiri personan abonon de IF. La prezo por 1 jarabono estas 32 dkr (se per aerpoŝta ekspedo 50 dkr). Persona abono okazas pere de la IFEF-kasisto.

Kiel kutime Erna Hauge kun akurato kaj rapido tajpas prespretan materialon, pro kio ŝi estu kore dankata.

En Slanĉev Brjag okazos la venonta redaktora kunveno, al kiu estu invitataj reprezentantoj de ĉiuj landaj asocioj de IFEF.

Dankon pro interesaj du jaroj.

La redaktoro

## ELFRIEDE KRUSE 70 JAROJN



Kvankam ŝi ne plu laboras en la rondo de la IFEF-estraranoj, oni ne povas pretervidi tiun 70an naskiĝtagon la 13an de Marto 1984. Elfriede Kruse de 1968 ĝis 1980 estis sekretariino de IFEF, jam en si mem kaŭzo, por estime paroli pri tiu virino, kiu jardekojn de sia vivo dediĉis kaj ankoraŭ dediĉas al Esperanto.

Ŝi komencis sian "karieron" en 1956, kiam ŝi akceptis la oficon de GEFA-sekretariino, kiun ŝi plenumis preskaŭ 20 jarojn plej ekzakte. En du IFEF-kongresoj (Fulda, Regensburg) ŝi estis LKK-sekretariino, kunlaboris en la DBteamoj de la UK-oj en Mainz kaj Hamburg. Ŝi organizis plurajn IFEF-skisemajnojn kaj kunorganizis 20 germanajn jarkunvenojn. Ofte ka multloke ŝi reprezentis IFEF aŭ GEFA en naciaj kaj internaciaj aranĝoj. Ĉiam, kiam oni bezonis ŝian helpon, ŝi estis preta helpi. Kaj ŝi havis la maloftan econ, ekkoni problemojn kaj mem serĉi rimedojn por solvi ilin, kion fari ŝi ofte sukcesis. Ankoraŭ nun ŝi nelace zorgas por la emerituloj de GEFA, prizorgas financajn aferojn, kunplanas en la preparado de IFEF-skisemajnoj, iniciatis la unuan literaturan konkurson (Regensburg) kaj jam ekpreparas la duan. En sia loĝloko ŝi ofte prudente kaj rezultoplene agadas por la reputacio de la Internacia Lingvo.

Ankaŭ post retiriĝo el siaj oficialaj postenoj ŝi aktivadas daŭre kaj ĉie. Unuvorte: Ne eblas eĉ nur aludi la sumon da fortoj kaj ideoj, kiun investis Elfriede Kruse dum preskaŭ tri jardekoj por la fervojista movado kaj por Esperanto entute. Ĉion tion substrekas la fakto, ke ŝi estas Honora Membro de IFEF, ricevis Oran Medalon de FISAIC kaj la Meritkrucon de Germana Esperanto-Asocio.

Kun la danko pro ĉio farita dum longaj jaroj ni kore gratulas pro la grava ronda dato. Ni deziras al Elfriede Kruse ankoraŭ multajn jarojn en bona sanstato. Tio donu al ŝi la eblecon, daŭrigi sian amatan okupadon por la bono de niaj lingvo kaj movado kaj je sia propra kontento. Ni ĝojus, se ŝi povus resti ankoraŭ ofte en la rondo de siaj multnombraj internaciaj geamikoj.

Giessner
prezidanto

## NACIA TRANSPORTA MUZEO EN BULGARIO

La sciigo, ke antaŭstaras la kreo kaj la fondo de nacia muzeo de la transporto en Sofio ĝojigis nian tutan socion kaj ĉiujn bulgarajn fervojistojn.

De jaroj, ĉe diversaj stacidomoj en nia landa, staras malnovaj lokomotivoj kun subskribo "por la muzeo!". Maŝinoj-atestantoj de la historio kaj la evoluo de la bulgara transporto kaj veraj amikoj de la fervojistoj en ilia peza, laciga, ĉiutaga laboro. En multaj fervojvagonejoj, lokomotivaj deponejoj kaj uzinoj kuŝas diversaj objektoj, jam ne plu taŭgaj por uzado en la nuntempa vivo.

La ideon donis gazeto "Transporten Glas", proponante sur siaj paĝoj tutpopolan pridiskuton de la problemo por la neceso de tiu instituto, neceso urĝa, neprokrastebla. Tiu ideo kaj ĝia realigo estas feliĉa daŭrigo de la esperoj kaj la ardaj deziroj de fervojistaj generacioj.

La transporto estas dinamike evoluanta agado, plej rekte ligita kun la popola vivmaniero, kun la tradicioj kaj la popolkutimoj, entute kun la tuta homa ekzistado. Ĝiaj ŝanĝoj plej bone kaj brile respegulas la evoluon de la socio. Unu bone organizata muzeo servos kiel kleriga centro por disvastigo de konoj, por plialtigo de la komuna kaj la profesia kulturo de la transportaj laboristoj, por ilia patrolanda edukado. La kreo de la muzeo permesos pere de respektiva esploranta kaj kolekta agado de pliriĉigon de la historio de la transporto. La ekzisto de nacia transporta muzeo kontribuos por la edukado de la juna generacio en amo al tiu inda profesio, orientigos ĝin al laboro ĉiam necesa en la vivo.

La ideo estas nobla, eksterordinare utila kaj meritas seriozan pristudon kaj subtenon kun ĉiuj eblaj rimedoj. Aperis multaj interesaj proponoj pri la loko de la muzeo, pri ĝia grandeco, amplekso kaj enhavo.

Certe la alvoko de "Transporten Glas" naskos novajn ideojn. Sendube, ĉiuj transportaj laboristoj, sociaj organizoj en la transporto kaj kompreneble la Ministerio de Transporto pritaksos la signifon de la iniciato kaj donos sian kontribuon por la fondo de la muzeo!

Lilija Koleva

## TEATRA PREZENTO

Por la kongresanoj de la 36a la Bulgara Esperanto-Teatro prezentos sur la scenejo de Ŝtata Dramteatro en Burgas la komedion "Milionulo" de bulgara klasiko Jordan Jovkov. La komedio vokas spontanan ridon. Ĝi mokas la homan avidecon kaj travialecon. La objekto de la komedio estas simpla, mankas komplika intrigo aŭ efikaj surprizoj. Ĝi apartenas al plej bonaj eroj de la bulgara komediografio.

Jordan Jovkov estas kontentige prezentita en Esperanto. Esperantajn tradukojn havas 21 liaj rakontoj, aperintaj en du libroj kaj en la esperanta gazetaro.

## LA VERDA RELO

estas rezulto de la beletra konkurso en la 33a IFEF-kongreso. 66paĝa kajero kun seriozaĵoj kaj amuzaĵoj pri la fervojo.

Prezo malaltiĝis ĝis 10 GM. Mendu ĉe Elfriede Kruse, Wiener Strasse 121, D-6000 Frankfurt/M 70.

Pagu laŭ la indikoj en IF 1/84, paĝo 16.

# FERVOJOJ DE LA MONDO

## Evoluo de la jugoslaviaj fervojoj

Sur la linioj de jugoslaviaj fervojoj ĉiutage trafikas meznombre 5.000 trajnoj de diversaj specoj; jare oni transportas 120 milionojn da personoj kaj 100.000.000 tunojn da ŝarĝo. La antaúvidita plua kresko de fervojtransporto bezonas ankaú preparon de ampleksa evoluprogramo, specifita dume por jaroj 1981-1985. Dum tiu tempo oni decidis elektrizi pluajn 1.000 km da fervojlinioj el tuta longo de 12.000 km, el kiu nuntempe estas elektrizita proksimume unu triono. Dum la menciita periodo oni aĉetos 104 elektrajn kaj 63 motorunuojn. La ferelektrajn kaj 63 motorunuojn. La fervoja transporto ricevos pluajn 12.500 ŝarĝ- kaj 589 personvagonojn. Oni pliampleksigos ankaú kontenertransporton kaj pliperfektigos haveninstalaĵojn por transŝarĝo inter ŝarĝvagonoj kaj ŝipoj en lokoj, kie renkontiĝas surteraj kaj maraj transportvojoj, kiel ekzemple en la haveno Koper, kie estas instalitaj grandaj portalarganoj.

## La viena Suda stacidomo

En viena kvartalo Favority estas konstruita Suda stacidomo, la plej granda ne nur en Vieno, sed en la tuta Aústrujo. Troviĝas tie 196 trakoj kun suma longo 54,306 km. Ĝi servas al trafiko depost la jaro 1956 kaj ĝia nomo devenas ne nur de tio, ke ĝi funkcias kiel elirejo kaj celo de la trajnoj en suda direkto, sed ankaú ke ĝi situas en suda parto de la urbo. Ĝi havas kvar etaĝojn. La plej suba, lokita sub nivelo de la strato servas al rapidvojo, dua etaĝo estas je nivelo de tersurfaco, kie estas lokigitaj fervojaj kaj aliaj servoj por pasaĝeroj. Trian etaĝon oni utiligas por trajnoj orientdirektaj kaj la kvaran por direkto suda. Dum unu tagnokto oni ekspedas el la stacidomo 230 trajnojn de persontrafiko kaj 240 ŝarĝ- kaj aliajn trajnojn. En la subtervojo dum sama periodo trafikas 270 trajnoj. En la fervojstacio samtempe funkcias ĝis 8 ranĝlokomotivoj; en ŝarĝtransporto oni ŝarĝas aú malŝarĝas 200 ŝarĝvagonojn. En la fervojstacio laboras 1800 fervojistoj enkalkulate 650 konduktoroj. Dum jaro oni priservas pli ol 11 milionojn da pasaĝeroj.

## Nova fervojlinio en Sovetunio

Por plibonigi kunligon inter la eúropa parto de Sovetunio kaj Kaúkazaj respublikoj oni konstruos trans Kaúkazmontaro novan fervojlinion, nomata "Arĥotskaja". Ĝi startos el fervojstacio Zages proksime Tbilisi, daúrigos tra la valo de la rivero Aragvi, en alteco 2400 metrojn super la marnivelo ĝi atingos montpasejon Arĥotskaja, trairos per tunelo 16 ĝis 23 km longa, descendos en la kanjonon de rivero Assa kaj post ĉefa kaúkaza montokresto direktos al Orĝonikidze. La fervojlinio estos 93 km longa, situos en alteco 1170 m kaj pli alte, oni konstruos tie 40 tunelojn kaj 70 pontojn super riveroj, valoj kaj kanjonoj. Oni devos konstrui krome multajn kilometrojn da kontraúlavangaj galerioj kaj betonaj ŝirmmuroj, terlaboroj postulas transveturigi pli ol 22 milionojn da kubometroj de tero.

## Tunelo Furka en Svislando

Post okjara laborado, kies finon oni antaúvidis en jaro 1978 oni en aprilo 1981 finis traboron de tunelo Furka en Svislando. Por trafiko oni planis transdoni ĝin ankoraú lastjare aú en 1983. La tunelo estas 15,4 km longa, unutraka kaj kondukas tra ĝi etŝpura 1000 mm linio Chur-Brig. La tunelo ebligos tutjaran trafikon sur la menciita fervojlinio senkonsidere al jarsezono. Oni tre superis la konstrukostojn antaúviditaj laúplane je 80 milionojn da svisaj frankoj. La fina sumo estas ĉirkaú 300 milionoj da svisaj frankoj.

La ŝarĝtransporto en FRGermanio

Post kvar jaroj de stagno en la jaro 1979 rimarkinde kreskis en FRGermanio la ŝarĝtransporto. Tiu situacio daŭras de tiam ĝis nuntempo. Pli ol duonon de ŝarĝtransporto de DB amplekssas karbo kaj minaĵoj, tre ofte je mallongaj distancoj. Disvolvas ankaŭ kombinita transporto. Dum jaro 1981 oni enkondukis pluajn noktajn kontenertrajnojn kaj ilia rapideco kreskis de 100 al 120 km/h. Oni antaŭvidas, ke en kombinita transporto, fine de la jarcento oni transportos pli ol 45 milionojn da tunoj de ŝarĝaĵoj.

Lokomotivoj por Tajlando kaj Zambio

Dum lastaj 25 jaroj liveris la firmao Krupp sume 306 motorlokomotivojn al multaj landoj en Orienta Azio, precipe al Birmo, Indonezio kaj Tajlando. Nuntempe iras la vico je 25 sesaksaj motorlokomotivoj kun elektra transmisio, kiuj elveturos el muntohaloj de essena Kruppentrepreno por industriaj kaj ŝtalkonstruaĵoj. Dekkvin estas destinitaj por Tajlando kaj dek por Zambio. Tajlandaj lokomotivoj estas adaptitaj al ŝpuro 1000 mm, ilia deĵorpreta pezo estas 80,8 tunoj, maksimuma rapideco 100 km/h. En Zambio la novaj motorlokomotivoj trakcios sur kaba ŝpuro, ilia deĵorpreta pezo estas 97,4 tunoj, maksimuma rapideco 103 km/h kaj ilia naftomotoro havas povon 1516 kV je 1050 turniĝoj dum minuto. Plua livero de la motorlokomotivoj estas preparata por Bocvano (12) kaj Zairo, kiu mendis 8.

Kinejo en trajno

Argentinaj fervojoj establis du novajn luksajn trajnojn, en kiuj oni proponas al pasaĝeroj viziton en vagono, en kiu eblas spekti filmojn. Unu rapidtrajno nomiĝas "Independencia", kaj ĝi trafikas dufoje semajne sur 1157 km longa fervojlinio Buenos Aires-Tucuman; la vojaĝo daŭras 17 horojn kaj 30 minutojn. Alia rapidtrajno nomiĝas "Liberdador" kaj ankaŭ ĝi trafikas dufoje semajne el Buenos Aires al Mendoza. La veturtempo estas 16 horoj kaj 35 minutoj.

La furioziĝinta trajno

Pli ol cent kilometrojn traveturis en Bangladeŝo ŝarĝtrajno sen lokomotivestro ĝis oni sukcesis haltigi ĝin helpe de alia lokomotivo. Neniu kapablis ekspliki, kiel tio estas ebla, ke la trajno memvole ekveturis kaj dum preskaŭ tri horoj veturis per proksimuma rapideco 40 km en horo. Trafiklaborantoj en diversaj fervojstacioj preparis rapide liberajn trakojn por traveturo de la trajno.

Kompilis J. Tomíŝek

## DUDEK JAROJN DE LA FERVOJA PROVLINIO EN VELIM

Veturprovoj de la surrelaĵoj

Fervoja trafiko en la tuta mondo ĉiam pli multe altiras atenton de la ekonomikistoj. Precipe post kiam en ŝtatoj kun alte evoluinta industrio kun konstruita perfekta kunligo per ŝoseoj kaj densa enlanda aertrafiko sur mallongaj distancoj oni spertis pli ekonomiajn eblecojn de la fervoja trafiko.

Antaŭ jaroj oni lanĉis en Japanio rapidan person- kaj ŝarĝtrafikon sur fervojo per rapidoj ĝis 220 km en horo kaj praktike anstátaŭis la kurtdistancan aertrafikon. Dum multaj jaroj la samon provas francoj kaj dum longa tempo sufiĉis al ili rapido 160 km en horo. Nuntempe jam rapidtrajnoj inter Parizo kaj Lyon trafikas per rapido 275 km en horo. En Germana Federacia Respubliko Lufthansa eĉ luas rapidajn trajnunuojn de federaciaj fervojoj kaj anstataŭas per ili flugmaŝinojn.

Por tio oni bezonas vaste evoluitan teknikan bazon. Surrelajn veturilojn oni devas konstrui diference de la pli frue uzataj, kaj oni devas provveturigi ilin. Por mondfabrikantoj de la surrelaĵoj validas, ke novajn prototipojn oni devas esplori dum la uzado por ĝustigi ilin dum tri ĝis kvin

jaroj, antaŭ ol eblas proklami ilin konvenaj por seria fabrikado. Unu el la manieroj, en kiu eblas mallongigi tiun tempon estas veturado en specialaj kondiĉoj - sur fervojaj provlinioj.

En Ĉeĥoslovakio ekzistas tia speciala provlinio jam dudek jarojn. Konstruis ĝin Fervoja Esplora Instituto en Cerhenice apud Velim. Per siaj parametroj ĝi apartenas al unuaj en la mondo, estas inter ili la plej granda kaj eble ankaŭ la plej signifa. Ĝi longas 13.277 metrojn kaj eblas trafikigi tie veturilojn kun pezo poaksa ĝis 25 tunojn kaj per rapidoj ĝis 200 km en horo. La provlinio estas elektrizita. Oni eblas trakcii tie laŭvole uzante elektran tension 3000 V aŭ 1500 V de la kontinua kurento, sed ankaŭ 25 kV, 50 Hz de la unufaza trakcia kurentosistemo.

Ene de granda ovalo estas malpli granda rondlinio, 3951 metrojn longa. Tiu ĉi servas por provi diversajn tipojn de trakbazlinioj, t.e. diversajn tipojn de reloj, diversajn metodojn de ilia fiksado sur diversaj tipoj de ŝpaloj kaj tiel plu. Oni praktikas tion tiel, ke oni traksternas sur la balasto postulatan tipon kaj poste tie trafikas dum destinita pli longa tempo plenŝarĝita ŝarĝtrajno kaj oni mezuras la foruzon kaj lacigon de materialoj.

La fervoja provlinio havas jam sian historion. En la jaro 1964 oni rompis tie kelkajn rapidrekordojn dum provveturoj de novaj personvagonoj fabrikitaj en Germana Demokratia Respubliko kaj Hungara Socialisma Respubliko, tirataj ankoraŭ per vaporlokomotivoj. Ekzemple vaporlokomotivo DR 18.201, alie nomata fluganta cervo, tie ĉi atingis rapidon 178 km en horo kaj la ĉeĥoslovaka vaporlokomotivo el Bratislava 498.106 atingis eĉ 162 km en horo. Kiel eĉ? Ĉar ĝi havas konsiderinde malpli grandan raddiametron - 1830 mm (lokomotivoj DR 2300 mm) kaj pro tio ĉe ĝi okazis pli pretendema fortostreĉo kaj lacigo de ĉiuj moveblaj partoj. Per plej granda rapido - 216 km en horo - ĉi tie veturis elektra lokomotivo E 469.3030. Oni provis tie ankaŭ jugoslaviajn unufazajn lokomotivojn fabrikitajn far sveda firmao ASEA kaj estis tie ankaŭ franca lokomotivo BB 16500. Kun grandaj relvojaj arganegoj EDK el Leipzig uzataj ĉe relvojaj akcidentoj oni tie veturis per rapido 100 km en horo. Oni provveturigis tie ankaŭ dufazajn lokomotivojn Ŝkoda por ĈSD (Ĉeĥoslovakaj Ŝtataj Fervojoj), rapidajn elektrolokomotivojn por Sovetunio kaj multajn aliajn tipojn de surrelaĵoj.

Fervoja provlinio do estas entrepreno ne nur teknike interesa, sed eĉ ekonomie prospera. Kvankam oni tie nenion produktas kaj nenion eksportas, tamen ĝia agado rezultas grandan devizan gajnon por ĉeĥoslovaka ekonomio.

Jubileo de dudek jaroj estis konvena okazo por pripensi nuntempon kaj estonton de tiu ĉi provlinio. Tial Ĉeĥoslovaka Sciencteknika Kompanio okazigis la 1an ĝis 3a de novembro 1983 en Pardubice seminarion pri problemaro de la provlinio kun internacia partopreno. Lastan tagon de la seminario speciala trajno veturigis partoprenantojn de la seminario al Velim, kie ili interkonatiĝis kun la provlinio kaj spektis ĝiajn instalaĵojn.

Centra fakgrupo de trafikhistorio ĉe Ĉeĥoslovaka Sciencteknika Sekcio preparis ankaŭ ekspozicion de la historie valoraj lokomotivoj vaporaj kaj elektraj. El vaporlokomotivoj trafikis sur la provlinio kun specialaj vagonaroj lokomotivo 422.025 kaj la rekorda 498.106 kaj unuafoje tie trafikis ankaŭ elektraj tirveturiloj el Nacia Teknika Muzeo - la lokomotivo E 436.0 kaj veturilo de Křižík M 400.001. Por publiko daŭris la programo la 4an kaj 5an de novembro. Sur provlinion oni ekveturadis el stacio Cerhenice sur fervojlinio Praha-Kolín.

Fervojista Sekcio ĈEA serioze pripensas eblecon aranĝi internacian renkontiĝon de fervojistaj esperantistoj en Kolín, ligita kun vizito de la menciita fervoja provlinio.

Jindřich Tomíšek

## TURISMO

Zaragoza, Hispanio

Okaze de la 43a Hispana Kongreso de Esperanto la urbestro de Zaragoza decidis eldoni kolorilustritan 28paĝan broŝuron en Esperanto.

La broŝuro nomiĝas "Vizito al la arto-historia centro de ZARAGOZA", kaj ĝi priskribas por vizitanto la arthistoriajn monumentojn kaj kunstruaĵojn de la bela urbo.

En antaŭparolo la urba konsilantino de Arthistoria Heredaĵo diras pri la monumentaj artaĵoj: "Ili atestas pri eventoj, personaj streboj kaj artaj valoroj kiuj estas en la historio de la vivo de nia urbo, kaj iamaniere profilis la karakterizan figuron kiun ĝi havas kiel prestiĝa urbo."

La bela broŝuro estas mendebla ĉe ĉisuba adreso kaj unu ekzemplero estas senpage al ĉiuj mendintoj.

Adreso: Excmo. Ayuntamiento
Delegación del Patrimonio
Historico artistico,
ZARAGOZA, Hispanio

---

Por unutaga feliĉo: ebriiĝu.
Por tritaga feliĉo: edziĝu.
Por unusemajna feliĉo:
buĉu porkon grasan.
Por tutviva feliĉo:
faru agron terasan.

(P.Th. laŭ ĉina proverbo)

## GRAVA REKONO DE ESPERANTO

La 20an de oktobro 1983 okazis en Bologna (Italio) la solena inaŭguro de la Internacia Ekspozicio pri Pentraĵo, Skulptaĵo kaj Grafiko de FISAIC.

Partoprenis 411 artistoj en la tri sekcioj, el 9 diversaj eŭropaj landoj.

Ni rimarkigas, ke s-ro Knop el Frankfurt/Main (Germanio), ĝenerala sekretario de FISAIC, rimarkinte la malfacilaĵojn de la trilingva tradukado (itala, franca kaj germana), malgraŭ la spertaj tradukantoj kaj interpretistoj, akcentis la neceson de Esperanto en la oficialaj internaciaj kunvenoj kaj la gravan rolon de la fervojistoj-esperantistoj en la artaj kaj intelektaj internaciaj rilatoj ankaŭ libertempaj.

(El Itala Fervojisto)

---

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Senhezite enskribigu vin ĉe
Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.),
J. Demissy, 18 avenue du Lieutenant
Bourguignon, F-55600 Montmedy,

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

Ĉiu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

---

## ENHAVO



---

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos meze de aprilo: 20.3.1984

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved